


N-ro 58 3/1982 Septembro 13a jaro

J E N / K O N C I Z E
*Tweemaandelijks tijdschrift*
Frankrijklei 140
B-2000 ANTWERPEN









**Kluba informilo de ELF-AREK**
**Esperanto Ligo Filatelista**
**Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj**

**Prezidanto/Kasisto:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna
Algatan 3
UEA-konto: 6295, Poŝtkonto: 51 57 85-4

**Stampobanko:**
Werner Heimlich, D-3040 Soltau
Fröbelstr. 4

**Redaktofino:**
20.8.1982

## Abundaj informoj de Hirsch

Li sendis al la redaktoro kopiojn pri aŭkciaj ofertoj de okcidentberlina filatelejo. Tiuj enhavis abundon da informoj gravaj por nia Esperantofilatelo. Mi ne tuŝos la prezojn, kiuj laŭ mi estas multe tro altaj. La informojn mi en la sinsekvaj numeroj de nia informilo utiligos. Okulfrapas la ofte multe pli altaj prezoj por stampoj, kiuj troviĝas sur poŝtaj kartoj, sur Esperanto-kartoj aŭ sur memorigaj kongresaj kovertoj. Min ŝoketis la prezo por neuzita poŝtkarto kun la Göttingen-surpreso privata de preskaŭ 15 dolaroj.

Ne malinteresaj ankaŭ la prezdiferencoj por la du variaj München-stampoj de 1948!

## München 1948 kun tri kaj kun kvar fakoj

Kelkaj inter ni kutimas iom bagatele pritrakti tiun germanan stampon GFR 3-1 kaj 3-2 pro ĝiaj bagatelaj, preskaŭ ne rimarkeblaj diferencoj inter si. Sed, se la filatela merkato ofertas tiujn sufiĉe altprezaj kun eĉ konsiderindaj prezdiferencoj, tiam nepras, denove okupiĝi pri tiu stampo:

Stampo GFR 3-1 (Bochmann-kat. 202 II) havas tri fakojn, kaj la stampo GFR 3-2 (Bochmann-kat. 202 I) havas kvar fakojn. Tiu sta kun 3 fakoj estas ege rara, kaj iam nia kluba amiko W. Simon informis, ke ĝi estis havebla ne en la kongreseja, sed en poŝtejo de gazetara ekspozicio. La prezo por GFR I en tiu aŭkcio estis ĉ. 5 dolaroj sur normala poŝta karto, la prezo por GFR 3-2 sur normala poŝta karto ĉ. 16 dolaroj kaj sur E-karto (kongresa karto) 22 dolaroj!! Kompreneble tiuj prezoj ne estas fiksaj, sed la filatelejo proponis tiun prezon. Alia afero, ĉu troviĝas aĉetantoj por tiuj sendube tro altprezaj aĵoj.

Kie nun troviĝas tiuj 3 aŭ 4 fakoj? En la stampo estas bildo pri preĝejo kun tri vertikaloj. La vertikaloj estas partigitaj per streketoj al "fakoj". La "decida" fako troviĝas en la meza vertikalo: Sub la litero "G" de la vorto Pfingsten, kiu horizontale trairas la tri vertikalojn, aŭ mankas aŭ ne streketo de eble 1 mm. Se ĝi mankas, tiam nur estas tri fakoj en la meza vertikalo.

Sed ekzistas pliaj etaj diferencoj inter la du stampoj: En GFR 3-1 aperas ekz. la dato 16. (aŭ 17.) 5. 48. En la oblikva streko de la 4 aperas "truo", ne ekzistanta en GFR 3-2. Kaj ambaŭflanke apud supra (13b) MÜNCHEN 2" aperas plus-signoj. Tiuj en GFR 3-1 estas duoble pli grandaj ol tiuj de GFR 3-2.







## Esperanto-poŝtmarko en Belgio

Pere de komunikilo n-ro 7-1982 la Belga poŝto informis:

La belga poŝto eldonis la 7-an de Junio 1982 specialan poŝtmarkon okaze de la Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno.

Karakterizoj:

| | |
|---|---|
| Temo: | artisma stiligo de la babela turo laú pentraĵo de P. Bruegel la maljuna |
| Desegno: | Hogoké |
| Valoro: | 12 belgaj frankoj |
| Formato: | 34,4 mm x 24,5 mm |
| Koloro: | polikromia (multekolora) |
| Tekniko: | heliogravura (lumgravuro) |
| Gravuro: | Ets. de Schutter |
| Prizorgo: | Poŝtmarklaborejo en Mechelen |
| Eldonkvanto: | 2.500.000 ekzempleroj |
| Nombro de pres-kliŝoj: | du |
| Aranĝo de folioj: | 30 poŝtmarkoj, (6x5) |
| Dentumo: | tipo 11 1/2 |
| Papero: | polivalenta-fluoreska (fosforeska) |
| Gluo: | gluo surbaze de alkohola polivinilo |
| Vendo: | ek de 7-a de Junio en ĉiuj poŝtejoj de la regno |
| Antaúvendo: | 5a kaj 6a de Junio 1982 |
| Lokoj: | Antverpeno en speciala kontoro<br>Bruselo en speciala kontoro<br>Shape en speciala kontoro |

La oficiala komunikilo sur titola paĝo prezentas la Babelan Turon kaj verdan surskribon: 67-a Universala Kongreso de Esperanto 1982. La dua paĝo prezentas la karakterizojn. La tria paĝo nigran bildon pri la poŝtmarko kaj franclingvan klarigon pri Esperanto. La kvara paĝo ne temas pri nia temo.

Estis interese, ke ĝis lasta momento nek la nominalo nek la desegno estis konata. Unue oni parolis pri nominalo de 6 aú 7 frankoj, poste pri 10 kaj fakte ĝi estis 12 belgaj frankoj pro la inflacia evoluo de la poŝta tarifo.

La eldono de Esperanto-poŝtmarko en Belgio estis sukceso kaj ni povas gratuli al la belgaj Esperantistoj, kiuj iniciatis ĝin!

## La novaj belgaj stampoj

Bedaúrinde en la nuna momento (20a de augusto) mi ne ricevis jam sciigojn pri ĉiuj stampoj ligitaj kun la nova E-pm. Kosieniak informis, ke entute estas 12, kaj promesis detalan leteron pri ĉio. Do eblas al mi informi nur pri ĝisdate konataj stampoj:

Sub miaj manoj kuŝas dua informilo (komunikilo) de la belga poŝto numero 25. Mi klopodas, provas, traduki tiun nederlandlingvan tekston al vi:

Sciigo
Okaze de la antaúvendo de la speciala poŝtmarko "Esperanto-mondkongreso" funkcias 5an kaj 6an de Junio 1982 provizoraj poŝtaj kontoroj en la jenaj lokoj:
- Lange Gasthuisstraat 20, 2000 Antwerpen (10a ĝis 17a horo)
- Hoedenmakerssquare 9, 1140 Brussel ( 9a ĝis 17 horo)
- Lerneja Kafejo, Casteau, 7010 Shape (10a ĝis 18 horo)

Por memori tiun manifestacion funkcias specialaj "tagsigno-stampiloj" (memorigaj datstampoj). La temoj de la stampoj estas:
- Antwerpen: Portreto de Zamenhof en Esperanto-stelo
- Brussel: Esperantostelo, teksto: Provinciala Ekspozicio
- Shape: Motivo de la pm kun la vorto Esperanto

Eblas mendi ĉiujn stampojn pere de la centra poŝta servo en Bruselo ĝis 8an de Junio.

La sciigo prezentis la 4 stampojn (Bruselo kun du laú kutimo en Belgio).

**BE 20**
Lige kun la antaúvendo de la nova belga E-pm la belga poŝto en provizora poŝtkontoro en Antwerpen, Lange Gasthuisstraat 20 uzis specialan datstampilon. La ronda stampo en diametro de 36 mm montras al ni desegnaĵon pri Zamenhof kun autografo en kvinpinta stelo kaj la jarciferojn 1887 – 1982. Supre estas la teksto: ESPERANTO INTERNATIONALE TAAL, sube 2000 ANTWERPEN. Sub la stelo estas la noto pri la dato.

**BE 21-1 kaj BE 21-2**
5an kaj 6an de junio 1982 funkciis en Bruselo, strato Hoedenmaekerssquare 9 provizora poŝtagentejo, kiu ankaú prizorgis antaúvendon de la nova belga E-pm. Tiu ĉi poŝtagentejo uzis du samdesegnajn stampilojn pro la dulingveco en tiu lando. La unua notas Bruxelles-1140 (poŝta kodcifero)-Brussel, la dua notas Brussel-1140-Bruxelles. La stampomotivo montras kvinpintan stelon kun la enskribo EVERFILA 82 kaj supre en la stampo estas la teksto PROVINCIALA EKSPOZICIO.

**BE 22**
En la internacia lernejo de la belga urbo Shape troviĝis la tria provizora poŝtkontoro, kiu en Belgio prizorgis la antaúvendon de la belga E-poŝtmarko la 5an kaj 6an de junio 1982. En tiu kontoro oni uzis ankaú specialan datstampilon. La stampo montras la motivon de la E-poŝtmarko: la Babelan Turon kun E-stela kometo. Supre troviĝas la teksto SHAPE STAMPEX 82, sub ĝi la dato. Inter Turo kaj kometo la vorto ESPERANTO kaj sube en la cirklo estas la noto 7010 S.H.A.P.E. Belgique.

**BE 23**
Dum la Universala Kongreso oni uzis rondan nuligan memorigan datstampilon. La motivo, kvinpinta stelo, kovras la tutan diametron de la stampo kaj en la stelo aperas la teksto: 67a/UNIVERSALA KONGRESO/DE/ESPERANTO. Sube indiko pri la urbo: 2000 ANTWERPEN.

## Du triestaj 300-dinaraj

Unu el niaj klubanoj starigis la demandon, ĉu estas konataj variaĵoj de la triesta 300-dinara E-pm, ĉar li akiris 2 pecojn kiuj varias laŭ la koloro. Mi ĝisdate ne pri tio audis, sed pere de nia ligilo metis la demandon al vi. Unu el niaj klubanoj respondis tiun demandon, estis amiko Patera el CSSR, kaj li skribis la jenon:

"Mi posedas ankaŭ ambaŭ pm de Trieste B, 300 dinaroj de diversaj nuanco-koloroj. Mi aĉetis ilin 1958 k 1959 en Vieno kaj Amsterdamo. Tiutempe la mondaj katalogoj registris nur unu koloron. 1972 mi verkis artikoleton pri la afero por nia CS-filatela gazeto "Filatelie", kiu aperigis ĝin en n-ro 3/72. Tie mi esprimis mian supozon, ke unu pm estas el 12-peca folio, kaj la dua el la 8-peca folio. En la jaro 1974 la katalogo Zumstein *unuafoje* registris tiujn pm sub numeroj 108 = 300 dinaroj, helviola/verda (1982 = 225.– Sfr). 108a = 300 dinaroj, ruĝetviola/verda (1982: 450.– Sfr). Kaj jen la atentigo en la katalogo pri tiuj markoj:

> Eldonkvanto: 15 000 pecoj. El tiuj 12 000 en 12-pecaj folioj kaj 3 000 en 8-pecaj folioj (375 folioj). Lastaj parte havas ruĝan surmarĝenan surpreson (nepoŝta!). Vidu BBZ 1/1954.

Bedaŭrinde tiun numeron el jaro 1954 mi ne posedas, nek legis. Koncerne la du variaj paperoj: sub lupeo kaj eĉ sen ĝi ŝajnas, ke la n-ro 108a estas pli hela surdorse, sed povas temi nur pri alia tavolo de gluo. Sub mikroskopo la papero estas de samaj kvalito kaj strukturo."

Ni kore dankas al nia nova kluba amiko František Patera, kiu faris siatempe tre rimarkindan konstaton. Certe niaj katalogistoj bone notis tiujn sciigojn, kaj, niaj klubaj geamikoj nun povas esplori, ĉu ili posedas la pli aŭ malplikostan markon.

## Nekonataj E-pm

En tiu ĉi numero ni sukcesis doni klarigojn pri ĝis nun nekonata variaĵo de Triesta E-pm. Iuj riproĉis ankaŭ, ke la listo da E-pm estus nekontentiga kaj nekompleta.

Respondo al ĉiuj: tiu listo en la stampokatalogo kompreneble estas nekompleta kaj ĝi nur kun tiu celo troviĝas en la stampokatalogo, helpi al tiuj komencantoj, kiuj ne posedas nian E-pm-katalogon de Vana. Tiu katalogo plenumas ĉiujn postulojn pri katalogo. Intertempe ni akiris plian scion pri E-poŝtmarkoj kaj pri tio daŭre informas en nia informilo. Por akiri plian scion necesas la kunlaboro de ĉiuj niaj klubanoj. Via redaktoro tute ne posedas iun el la konataj pm-katalogoj (ne sendu al li! Dogano konfiskus)

Preskaŭ sensacian informon donis nia brazila amiko Drucker pri 5 variaĵoj de la brazilaj E-pm, kiujn neniu el ni konis. Eble ĉiuj brazilaj klubanoj sciis tion, sed ni ne. Kompreneble la sekvaj informoj plene nervozigos kelkajn el niaj klubaj geamikoj, ĉar ili ne havas tiujn pm kaj komenciĝos denove serĉado, kaj la mankolisto de kelkaj konsiderinde grandiĝos!

Sufiĉe da enkondukaj vortoj, ek al la faktoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1935 | 200 rejsoj | Oka Specimena Foiro | (dentumita) |
| 1935 | 200 rejsoj | Oka Specimena Foiro | (sendenta) |
| 1936 | 200 rejsoj | IX Specimena Foiro | (dentumita-ruĝa) |
| 1936 | 200 rejsoj | IX Specimena Foiro | (sendenta-ruĝa) |
| 1936 | 200 rejsoj | IX Specimena Foiro | (sendenta-blua) |
| 1937 | 300 rejsoj | Naŭa brazila E-kgr | (dentumita) |
| 1937 | 300 rejsoj | Naŭa brazila E-kgr | (sendenta) |
| 1937 | 300 rejsoj | Ora Jubileo de E | (dentumita) |
| 1937 | 300 rejsoj | Ora Jubileo de E | (sendenta) |

Sekve: Ekzistas 5 sendentaj variaĵoj de la E-pm, notitaj en nia provizora listo sub n-roj 17–20, pri kiuj ĝis nun ni ne sciis.

## APE-Concurso estas E-sta!

Finfine la redaktoron atingis sciigo kaj fotokopio pri tiu brazila stampo, kiu ĝis nun malhelpis katalogadon. Kore ni dankas al nia brazila amiko Drucker, kiu savis nin el nia nescio. Jen la faktoj:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| BRA | 33 | San Paulo | 1980 15.12 | Paulista E-Asocio | 31 |
| | 34 | Sorocaba | 1981 21-27.2 | Vivu ni en paco | 31 |
| | 35 | Brasilia | 1981 26–30.7 | UK 66a | 31 |

Bedaúrinde la sendita fotokopio ne sufiĉas por ĝin montri en nia informilo, tial priskribo:
Ronda poŝta stampo kun diametro de 31 mm. En la mezo granda kvinpinta stelo, sur ĝi same granda rozo. La teksto cirkloforma:
I CONCURSO INTERNACIONAL DE TROVAS DA APE. ASSOCIACAO PAULISTA DA ESPERANTO/ECT/SAO PAULO/SP/15.12.1980
Kio signifas DE TROVAS, tion mi ne scias.
La stampo nuligas la poŝtmarkon.

Estimataj, kiu sendas al la redaktoro bone uzeblan fotokopion por povi ĝin prezenti en nia informilo. Al ni mankas bedaurinde tia brila spertulo, kiu siatempe sur paĝoj de la malaperinta Zpravodaj, aperigis senriproĉajn desegnaĵojn pri E-stampoj.

Kaj plie: mi petas niajn klubajn geamikojn, precipe la brazilajn, kontroli suprajn informojn k tuj sendi eventualajn korektojn. La manuskripto de nova E-poŝta-stampokatalogo estas altgrade graveda kaj mi esperas povi baldaú aperigi la novan katalogon. Kiu havas eblecon eldoni ĝin, bonvolu kontakti min.

---

**Anoncoj:**

Mi serĉas: Marilia 1973, APE-Concurso, sendentaj brazilaj E-pm. Rekompencas per E-pk de GDR kaj GDR-E-stampoj. Sendu antaúe informon kaj atendu mian konfirmon (pro doganaj proceduroj).

*(la RED.)*









**Nyiregihaza (HU 85)**
Plej bone prononcu ĝin "ni-i-reĝhaza", sed plene mi ne certas pri tio. En tiu hungara urbo kun la komplika nomo okazis la 18-a Landa Fervojista Esperanto Renkonto. Tion mencias ankaŭ hungarlingva poŝta stampo, kaj ĝi tekstas:
18. ORSZAGOS VASUTAS ESZPERANTO TALALKOZO
La gumstampo estis uzata nur 1982-VII-3.
Informis pri ĝi amiko Fekete.

**Gyula: 20a SEU (HU 86)**
Al mi ŝajnas, ke oni ĝin pronancas "ĝiula" aŭ simile. Tie okazis la jam 20a Somera Esperanto Universitato. Ni tre ĝojas, ke denove la organizintoj ŝanĝis la dum lastaj jaroj uzitan stampon, kaj prezentis novaspektan stampon, hungar- kaj esperantlingvan kun la teksto:
20-A SOMERA ESZPERANTO UNIVERSITATO
20. NYARI.ESPERANTO.EGYETEM.

Interesa estas ĝia desegno: Sub la E-stelo troviĝas ŝlosilo, en ĝi la esperanta teksto k cifero 20. Sub la ŝlosilo blazono kun la fortikaĵo de la urbo kaj kvinpinta stelo (eble insigno?).

Interese ankaŭ, ke la poŝtistoj de tiu urbo rifuzas apliki duan, apudmarkan stampon, ili surhavas laŭdire ferajn ĉapelojn (ili estas ĝisoste burokrataj – preskau kiel germanaj oficistoj).
Pri SEU mem ne atingis min informoj.
Mi havas ekzempleron kun dato 1982.VII.4.

**15a IREN (HU 87)**
Nia kluba amiko Fekete ankaŭ sendis informon pri tiu ĉi novaspekta IREN-stampo. E-stelo radias sur hungaran landon kiu enhavas enskribon: 15. IREN. La centron de la stampo ĉirkaŭas duringe hungar- kaj esperantlingva enskriboj:
INTERNACIA RENKONTO NATURAMIKA
NEMZETKÖZI TERMESZETBARAT TALALKOZO – ABALIGET. 1982.VII.21.

Dank' al la fama ĉeha romano ŝvejk ni komprenas el la hungarlingvan teksto la vorton BARAT (amiko). La ĉarmaj Abaliget-aj poŝtistinoj ne surhavas tiujn ferajn ĉapelojn, ili ĝojigis la filatelistojn kaj kontentige plenumis ĉiujn dezirojn. Bone!

## Latinlingva el Italio

Nia amiko Pignatelli, V. DEL LAVORO 8/A INT. 8, I-31015 CONEGLIANO informis pri stampo, kiu kvankam ne estas E-stampo, tamen estas tre interesa por la interlingvistoj kaj por la E-filatelistoj kiuj praktikas ekspozadon en filatela medio.

Temas pri stampo koncernanta alian internacian lingvon: La latina! La stampo tekstas: (latine)
CERTAMEN CICERONIANUM ARPINAS (Cicerona Konkurso de Arpino)

Arpino estis la naskiĝurbo de Cicerono, kaj oni uzis la stampilon en Arpino, la 12an de Junio 1982.

La konkurso estis organizita pro la repopularigo de Cicerono kaj de la latina lingvo, kaj estis konkurso pri latinlingva originala prozo. La stampon ornamas portreto de Cicerono. Al mi ŝajnas, ke Vatikano daŭre uzas latinan lingvon por poŝtaj markoj kaj stampoj?

## 16a ILEI-konferenco en Italio

Bonege, ke amiko Pignatelli tuj post la uzo de tiu poŝta stampo informis nin pri ĝi. Temas pri ronda stampo kun burga turo en la mezo. Super la embrazuroj de la burga turo tronas tri kvinpintaj steloj kaj laŭrobranĉoj ĉirkaŭas ĝin. Sub la desegnaĵo lokas la signo de la Itala Poŝto: poŝta korneto, kaj la dato: 21.7.1982. La teksto en la itala lingvo:
16 CONFERENCA INTER. LE INSEGNANTI ESPERANTISTI
Supre la urbo: 80069 VICO EQUENSE (NA)

## Glumarkoj

70a Jubileo de Gruppo Esperantista Bolognese
Kofro-etikedo 7x9 cm sur memglua papero, en verda/bruna
Datita: 21-22-23 majo 1982 (Aútoro: Gimelli)

50a IKBE Kongreso
glumarko sur bona blanka papero, 57x33, foliotoj kun 8 glm,
31.7–7.8.82 en urbo BREDA (Aútoro: Menges) = ekzistas ankaú reliefaj glumarkoj por blinduloj palpeblaj (dekmil)

67a Universala Kongreso
glumarko sur memglua papero en arĝenta/nigra
Julio 1982 en Antwerpen

55a SAT-kongreso
glumarko 50x37 en verda/nigra/blanka
31.7–6.8.1982 en Iisalmi

37a kgr de SAT-Amikaro
glumarko 42x58, verda/blanka, sur memglua papero
10-11-12 aprilo 1982 en Saint Pierre

76a Sveda E-kongreso
glumarko 34x22 en verda/blanka
14-15-16 majo 1982 en Nyköping

Pakistan Esperanto Asocio PAKESA
glumarko 33x33

Migranta E-ekspozicio FAJSZI
glumarko 30x35 sur memglua papero, blua/bruna/ve/blanka
1972–1982 Budapest (ĉe Radnai havebla)

Landa Esperantista Pacrenkonto
glumarko 48 en verda sur bona blanka papero
29-30 V 1982, Szentes (ĉe Radnai havebla)

E por la internacia amikeco
glumarko sur memglua papero, verda
1982 (kvin plektitaj manoj k E-stelo) (ĉe Radnai havebla)

---

Dankon al la klubaj amikoj Radnai, Lindström, Menges kaj Pignaelli pro senditaj informoj pri supraj glumarkoj.

## Glumarkoj

Esperanto-ĝardenfesto
Kofro-etikedo, trikolora, 8x11 cm
Falkenstein, 3.7.1982

Fino de E-kurso
kofro-etikeda glumarko, trikolora
Falkenstein, 3.7.1982

(Ambau Falkenstein-glumarkoj estas haveblaj. La kompleto konsistas el memoriga koverto, memoriga karto kaj 2 diversaj glumarkoj kaj kostas 2 IRK inkluzive afrankon. Adreso: S-ro S. Rynduch, DDR 9701 Reumtengrün, Hauptstr.)

### Eminenta E-ekspozicio

Dum la 34a IFEF-kongreso unu el la unuaj programeroj estis la malfermo de tiu ekspozicio en la "Balatona Galerio", kiu okazis 2an de Majo je la 10a horo far d-ro Balazs, sekretario de la Kultura Fako de Hungara Fervojista Sindikato.

La Filatelista Esperanto Klubo de Budapest sub gvido de nia kluba amiko Fekete prezentis 74 ekspo-tabulojn: 7 ekspozaĵoj temis pri fervojo kaj 12 ekspozaĵoj pri Esperanto.

La estraro de ELF kore gratulas al nia amiko Fekete pro la bonege farita laboro.

### E-ekspozicioj en GDR

Okaze de IFER 82, de Pocdama Medicinista E-Renkontiĝo kaj de Renkontiĝo de iamaj germanaj LEA-anoj estis videblaj ekspozicioj filatele aranĝitaj pri ESPERANTO KAJ PROLETARO, ESPERANTO EN GDR, kaj krome okazis lumbildprelego en Potsdam pri "Esperanto kaj filatelio".

### Ekspozicio en Antverpeno

En la kadro de la E-pm-antaŭvendo en Antverpeno okazis filatela ekspozicio, komune aranĝita de filatelistoj kaj esperantistoj 5an kaj 6an de Junio 1982. En la honora ekspozicia kommitato membris la provincestro de Antverpeno, la urbestro kaj la kulturĉefo plus gvidantoj el la E-movado, i.a. G. Maertens. La organizan komitaton prezidis Fr. Luyten. La ekspo-katalogon prizorgis J. Torfs. La lukspapera katalogo enhavis i.a. historion de E en Antverpeno, liston pri la ekspozaĵoj, i.a. de Luyten k Torfs pri E (entute 27 ekspozaĵoj), artikolon pri filatela lernejo de Antverpeno, kaj liston pri la E-kluboj en Flandrio.

## Agrabla novaĵo el ĉeĥaj landoj

Okazis iel, ke la Universala Kongreso en Stokholmo mortbatis la filatelan esperantistan sekcion en CSR.

Dum la printempa 4a ĉeha esperantista kongreso en Pardubice okazis traktadoj inter ĈEA kaj AĈF (Asocio ĉehaj filatelistoj) kun la rezulto de bona kontrakto.

La filatela esperantista sekcio estas restarigita kun nova prezidanto: Vladimir Vana (nia longjara kluba amiko).

Kaj ĈEA kaj AĈF subtenas tiun filatelan sekcion. Oni subtenas kaj direktos peton al poŝta ministerio aperigi memorigan pm okaze de 100jaro de Esperanto.

Filatela Asocio okazigos 1987 internacian filatelan ekspozicion, kaj akceptos filatelajn ekspozaĵojn pri Esperanto por ĝi. Oni daŭrigos eldonadon de informilo, kompreneble ne kun bondeziroj por Nova Jaro 1979 kiam oni finis.

Oni kunlaboras kun ELF-AREK oficiale kaj interŝanĝas materialojn. Oni ekzamenas eblecojn por aperigi la jam faman Tutaĵkatalogon. Oni aperigas "Helpilon por prepari ekspozaĵon".

Ni kompreneble elkore gratulas pro renaskiĝo al tiu landa filatela esperantista sekcio kaj deziras nepre fruktedonan laboron k realigon de ĉiuj bonaj intencoj.

### Konkludoj:

Niaj membroj strebu prepari kvalitan E-filatelan ekspozaĵon kun ĉ. 60 aŭ 80 ekspoziciaj folioj. Tiuj ekspozaĵoj nepre antaue partoprenu en iuj naciaj aŭ regionaj ekspozicioj por povi akcepti proponojn por plibonigo de la ekspozaĵo, tiel relative kvalitaj ekspozaĵoj trovus lokon en la ekspozicio.

Tiucele ankaŭ nepre konsultu niajn eldonaĵojn. Temoj por la ekspozaĵoj povus esti: E en Hungario aŭ: GDR, aŭ: Pollando, aŭ: La UK, aŭ: La E-tutaĵoj en GDR, aŭ: E-literaturo, aŭ E kaj laboristaro. Laŭeble ni ne elektu tro ĝeneralan temon, ni klopodu laŭeble bunte prezenti E-movado, eble ni formu preparan stabon por tio.

**Karaj klubaj geamikoj!**

En Julio kaj Aúgusto mi ne estis hejme kaj sekve mankis iom da tempo por prepari tiun ĉi numeron. Hodkau estas 20a de Augusto kaj mi devas nepre prepari la manuskripton por tiu ĉi informilo. En mia poŝtkesto mi trovis monton da leteroj, salutkartoj, sciigoj, proponoj de vi, kaj al ĉiuj mi dankas. Mian averton pri realigo de Tutaĵkatalogo anstataú du sinsekvaj informiloj atentis nur unusola nia kluba amiko. Al mi ŝajnas, ke do la granda plimulto konsentas ricevi Tutaĵkatalogon anstataú informilon. Pli poste ni tion realigos.

Bonvolu pardoni la preserarojn en lasta informilo kaj en la hodiaúa. Mi esperas, ke estonte same bone vi kunlaboros.

*– Burmeister –*

**ELF-AREK-Kunveno en 67a UK**

okazis 27.7.1982 en la salono Chomette kun 25 partoprenintoj el 12 landoj. Malfermis kaj gvidis ĝin nia kluba amiko Kosieniak el Pollando. Post omaĝo al nia forpasinta Gjivoje li transdonis salutojn de Paulsson kaj Burmeister, kiuj ambaú ne povis viziti la 67an UK.

Sekvis raportoj pri nia kluba agado kaj pri la membrostato.

Post raportoj oni priparolis la kongresajn filatelaĵojn kaj laúdis la bone funciantan poŝtan oficejon en la kongresejo.

Post diskutado sekvis interŝanĝo de materialoj. (El mallongigita raporto de Lech Kosieniak).

---



Kun bedaúro ni eksciis pri la forpaso de nia kluba amiko

**Marinko Gjivoje**

Li estis meritplena Esperantisto kaj Esperantofilatelisto, kiu dum multaj jaroj membris en nia klubo. Li i.a. iniciatis siatempe la jugoslavajn E-poŝtmarkojn, zorgis pri apero de multaj poŝtaj E-stampoj en Jugoslavio (i.a. la jam raran INEKSCASOFILA-sta), eldonis multajn E-insignojn kaj E-glumarkojn.

Pro siaj grandaj meritoj en la Movado lia nomo por ĉiam estas ligita en la historio de Esperanto.

Sincere ni kondolencas al la familio.

*Paulsson/Burmeister*

---

## Verda sta de Helsinki 1958?

Antaú nelonge min demandis klubano, ĉu verda sta estas oficiala aú privata. Mi supozis, kaj respondis, ke privata. Nun denove mi renkontis tiun verdaĵon en okcidentberlina aúkcia katalogo. La stampo estas sur koverto kaj havas la daton 20.7.1958. Momente mi nenion scias, sed eble ni esploru la aferon. Por mi estas preskaú certa, ke tiu verdaĵo devenas el stampokuseno de kongresano, ĉar siatempe estis granda modo inter la Esperantistoj, apliki verdajn sloganojn kaj verdajn adresojn sur korespondaĵoj, kaj multaj daúre kunportis verdinkajn stampkusenojn kun si. Mirigas min, ke nun tiuj verdaĵoj aperas sur la merkato. Sed aliflanke en la filatela merkato oni ja vendas la plej grandajn stultaĵojn. Tiom longe, kiom sin trovas interesuloj. Kiu inter ni havas pli konkretan scion pri tiu finna verdaĵo?

## Afrankstampo numero 27

Pasintnumere mi informis pri AS 22–25 kaj 26, hodiaú ni povas envicigi numeron 27. En la unuaj tagoj de majo atingis min la aprila numero de "esperanto" de UEA el Antverpeno kaj kompreneble tuj mi rimarkis, ke en la E-Centrum oni uzas novan tekstoparton:
ESPERANTO/Maandelijks tijdschrift/Frankrijklei 140/B 2000 Antwerpen

La datostampo montris daton de 29.4.82. La nominalo estis 8.00, sed ĉi-lasta por ni ne estas grava, ĉar la nominaloj povas varii ĝis 99.00. Tio koncernas same ĉiujn aliajn ĝis nun cititajn afrankstampojn kaj estas dependa de la poŝta tarifo por la koncerna sendaĵo. Parto inter niaj klubaj geamikoj opiniis, ke ili posedus variaĵojn de div. afrankstampoj pro div. enpresitaj valoroj.

## Neĝviro kun pispoto

La bildo sur la titola paĝo (n-ro 55) kun la neĝviro ne estis poŝta stampo de VEF sed titola paĝo de propaganda folio por VEF, eldonita de Hungara Esperanto Asocio. Ni per la aperigo de tiu bildo intencis popularigi VEF, ĉar tiu bildo estas vere tre originala.

## Pk de IFEF-kgr kun Unuataga Stampo

Kvarlingvajn unuatagajn stampojn (france, angle, ruse k hungare) uzis la poŝtoficejoj BUDAPEST 4 kaj BUDAPEST 8 okaze de la eldono de ĉi tiu bela Esperanto poŝtkarto kun la surpesita Esperanto poŝtmarko. Kvankam ne E-stampoj, tamen indus scii pri ili. La teksto de la unuataga stampo en kvar lingvoj: UNUA TAGO.

Al niaj nov-filatelistoj: Ankaú la stampo el Balatonfüred kun la dato de la 3a de Majo 1982 estas unuataga stampo.

Nia kluba amiko Stefano Fekete el la ĉerfurbo de Hungario plie informis, ke la speciala poŝtejo dum la IFEF-kongreso funkciis 3./4./5. kaj 7.5.82 en Balatonfüred.

Kun bedaúro ni tamen devas konstati, ke la tie servanta poŝtisto fuŝlaboris, ĉar la stampoj de Balatonfüred preskau ĉiuj ne estas legeblaj.

## Nia adresaro

Pasintnumere vi finfine ricevis la jam longe atenditan adresaron. Pretigis ĝin I. Paulsson kaj ni dankas la multobligon. Kompreneble ĝi ne povas esti perfekta kaj tute ne plene aktuala. Daúre ŝanĝas adresoj de niaj klubaj geamikoj, aperas novaj membroj, aú ne renovigas membrecon iuj membroj. Se vi havas rimarkojn, bv. sendi tiujn al I. Paulsson, kiu ja forsendas la informilojn. Ni poste riparus vian adreson aú nomon pere de nia informilo.

Adresŝango Pignatelli:
Francesco Pignatelli, V. del Lavoro 8/A Int. 8
I-31 015 Conegliano (TV)
Li deziras aĉeti aú interŝanĝi ĉiuspecajn E-filatelaĵojn.

## Stampo de 34a IFEF-kongreso (HU 84)

Tuta taĉmento da niaj klubaj amikoj estis partoprenantoj en tiu kongreso kaj la redaktoro dankas al s-roj Fekete, Heimlich, Gimelli, Wluka kaj Kosieniak, kiuj sendis salutojn. Fekete eĉ faris plion kaj peris la tri lastajn n-rojn de "HUNGARA FERVOJISTA MONDO" kiuj amplekse informis pri la kongreso en BALATONFÜRED. Pli ol 600 kongresanoj el 23 landoj partoprenis kaj endus pli datale pritrakti la tuton sed ni limigu nin al la filatelaj okazintaĵoj.

La porokaza poŝta stampo en diametro de 36 mm portas en Esperanto kaj en hungara la tekston: 34a ESPERANTO KONGRESO DE IFEF. En la mezo de la stampo aperas la sama bildo kiel en la poste priskribita nova E-pm: du packolomboj antaŭ terglobo kaj kvinpinta stelo (sen E). Sube en la stampo aperas BALATONFÜRED kaj la dato. (1982.V.3). La poŝta karto sendita de amiko Kosieniak havis la daton 1982.V.7. Mi supozas, ke unue oni intencis noti en la stampon la daton 1982.V.2–8. kiel ĝin montras tiel la bildo pri la stampo en la HUNGARA FERVOJISTA MONDO. Pri la preciza daŭro de la uzado de la stampilo ne alvenis sciigoj.










